‚Mutig vorwärts!‘

# Aŭstria Esperantisto

‚Kuraĝe antaŭen‘

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

7a jaro. N-o 7 Monata Julio 1930

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

#### Dr. Eckener über Esperanto.

Friedrichshafen a. B., 14. Februar 1930.

Herrn Dr. Ed. Spielmann, Vicprezidanto de la Svisa Esperanto-Societo Bern.

Wunschgemäß teile ich Ihnen sehr gerne meine Ansicht über Esperanto mit, nämlich, daß meines Erachtens die Einführung einer solchen Weltsprache, wenn sie möglich wäre, von hohem kulturellen, wirtschaftlichen und auch völkerverbindenden Werte sein würde. Denn die heute so oft in Erscheinung tretende Gehässigkeit und Feindseligkeit in der auswärtigen Politik aller Staaten würde sicherlich nicht die notwendige Resonanz in der öffentlichen Meinung der Völker finden, wenn diese sich besser und näher kennenlernen könnten.

Mit vorzüglichster Hochachtung

(gez.) Dr. H. Eckener.

Ein bebildertes **Führerblatt des Fürstentums Liechtenstein** ist soeben erschienen. Kostenlose Zusendung durch Liechtensteinischer Verkehrsverein, Vaduz.

Das **Elektrotechnische Institut** der Universität Grenoble, Frankreich, lädt in einem in Esperanto verfassten Rundschreiben, das in alle Welt versandt wurde, zum Besuche ein.

Die **Gesellschaft für kulturelle Verbindung der Sowjetunion mit dem Auslande**, Moskvo 69, Malaja Nikitskaja 6, gibt als ihr Organ WOKS, eine reich bebilderte Zeitschrift in deutscher, englischer und französischer Sprache heraus mit anschließendem kurzem Auszuge in Esperanto.

Ein Werbefilm für die **„Zweite Arbeiter-Olympiade Wien 1931“** wird während des 10. Weltkongresses der Arbeiteresperantisten in London und auch vor nnd nach dem Kongresse in England in **Esperanto** gezeigt werden.

**Melk a. D.**: 22 Abiturienten erhielten in ihrem Abgangszeugnisse Noten aus „Esperanto“.

In „**Der Tag**“ (jetzt: Der Wiener Tag) vom 21. Juni d. J. schrieb Herr Dr. A. S. Frischauer in einem Artikel, betitelt „Der amerikanische Kunstfreund“ u. a. folgendes: „Die Leiter der Museen bemühen sich die Denkmäler der verschiedenen Epochen und Kulturen, die unter dem Dach der Sammlung das entwurzelte Dasein einzelner Esperantoworte führen, dem Idiom verschiedenster Menschenklassen verständlich zu machen.“ Auf eine Anfrage bei der Schriftleitung, was unter dem „**entwurzelten Dasein einzelner Esperantoworte** —“ zu verstehen sei, kam bis heute keine Antwort. Sollte etwa der Verfasser in wahrscheinlicher Unkenntnis des Esperanto über den Sinn des Vergleiches selbst nicht im klaren sein?

---

### Carl Laemmle kaj Esperanto.

Ĉe festeno de „Hollywood Asocio de eksterlandaj korespondantoj“ mi estis invitata paroli dek minutojn pri Esperanto kaj, montrinte mian libron plenega de eltranĉajoj pri antaŭaj intervjuoj, kelkaj famuloj el Filmlando postulis personan intervjuon. Inter ili s-ro Paul Kohner, estro de la produkta fako de „Universal Filmfarejo“, petis mian viziton. Dum ĉi tiu mi havis la tre maloftan bonŝancon esti enkondukata al Carl Laemmle, „La Napoleono de la Film-industrio“. La tuta film-kolonio adoras lin; li kiel unua pagis al filmsteloj reĝajn salajrojn kaj vekis sensacion, kiam li antaŭ 20 jaroj pagis semajnan salajron da 1000 Doll. al Florence Lawrence. Sed Laemmle estas ne nur idealisto, sed ankaŭ bona komercisto. Per la filmo „Negoco de animoj“, kiu kostis nur 20.000 Doll., li gajnis pli ol 1 milionon. Sur dezerta kamparo apud Los Angeles li konstruigis novan filmurbon — Universal City —,

kiu nun estas la plej granda filmfarejo en la mondo.

Al miaj demandoj s-ro Laemmle respondis jene:

„Mi kredas al la utileco de Esp. por la parolfilmo; tion mi jam opiniis antaŭ 4 jaroj kaj mi nun eĉ pli konvinkiĝis. La angle parolantaj filmoj pro la lingva malfacileco ne estas ŝatataj en Eŭropo kaj pro tio oni refaris kelkajn filmojn en hispana, germana kaj franca lingvoj. Sed pro la altaj kostoj mi dubas pri la financa sukceso. E. povas esti lernata en mallonga tempo; mi mem iomete lernis E.-on. O, mi estas certa, ke E. estas la plej bona arta lingvo kaj mi ne dubas, ke ĝi estos la plej efika ilo, por ebligi mondpacon kaj — esperantlingvaj parolfimoj plue helpos al tiu nobla celo. Mi ankaŭ legis kun granda intereso, ke „Paramount“ faris E.-parolfilmon, kaj kun eĉ pli granda intereso mi studos la rezultojn, ĉar de la sukceso de tiu filmo dependos multe. Certe aliaj filmfarejoj krom mia sekvos la ekzemplon kaj faros ankaŭ parolfilmojn kun E.-teksto.“

Donu ekstrakton al viaj lokaj gazetoj kaj sendu po du koncernaj numeroj al mi, c/o Seaboard National Bank, Los Angeles, California. Joseph R. Scherer.

## Internaciaj Konvencioj pri fervojaj person-, pakaĵ- kaj fretaĵtrafikoj.

Unu volumo, enhavanta ambaŭ konvenciojn, 251 pĝ., dua, enhavanta nur la konvenciojn pri „person- kaj pakaĵtrafikoj“, 71 pĝ. — Prezo ne indikata.

Nia fervora samideano Josef Rebiĉek per ĉi tiu traduko multe helpis al E. en fervojaj aferoj. Li, kiu dum multaj jaroj jam okupiĝas pri fiksado de fakvortoj koncerne la komercan servon ĉe fervojoj, nun faris grandan laboron per la E.-traduko de ĉi tiuj konvencioj, kiuj aperis originale en franca teksto kaj estis ofiale tradukitaj en la germanan kaj italan lingvojn. La tradukinto petas, ke la legantoj trastudu lian tradukon kaj proponu al li plibonigojn.

Certe la du volumoj montros al la fervojadministracioj la valoron de E. en internaciaj rilatoj.

Al Moraviaj Esperanto Pioniroj ni gratulas, ke ili ankaŭ eldonis ĉi tiujn verkojn.

Je tiu ĉi okazo ni deziras mencii, ke nia samideano Josef Pollhammer, Offizial de Ŝtatfervojoj en Salzburg, verkis la E.-tradukon de „Prinomado de vagonoj kaj vagonpartoj en germana, franca kaj itala lingvoj“, eldonita de la afergvidanta administracio de Unuiĝo de Germanaj Fervojadministracioj en Berlin, oktobro 1924.

En subnoto sur paĝo 3 de la originalo estas skribita: „La vaka kolono estas antaŭvidata por alia lingvo“. Tio instigis s-anon Pollhammer al la traduko en E. Ĉar baldaŭa noveldono ne estas verŝajna, oni povus presigi la tradukon kaj englui sur la koncernaj kolonoj.

## Literatura Mondo.

„Literatura Mondo“, la sola literatura revuo, bele ilustrita kaj verkita de niaj plej eminentaj E.-verkistoj, antaŭ kelkaj jaroj ĉesis aperi.

La iamaj eldonintoj kuraĝas — jam pro la neceseco de tia revuo — denove aperigi ĉi tiun bonegan revuon; ili ne intencas havi profiton el sia laboro, sole doni al la esp.-istaro la eblon, havi literaturan revuon kaj legi vere bonajn originalajn E.-verkojn.

La eldonantoj kaj ĉefredaktoroj estos Julio Baghy kaj d-ro K. de Kalocsay, L. K.-anoj kaj famaj verkistoj; la organizan laboron transprenis la sperta gvidanto de la libroeldonejo de Hungaria E.-Societo Laborista, Wilhelm Bleier, kiu garantias por eventuala deficito ĝis 3000 pengoj; aliaj s-anoj, inter ili la eldonantoj, garantias por 1000 p., per kiuj sumoj la aperado de la revuo estas garantiata por minimume 6 jaroj. Do sufiĉe firma bazo!

Por ankoraŭ plifirmigi ĝin ankaŭ vi estas invitataj fariĝi „garantiantoj“ kun sumo al vi disponebla por ĉi tiu celo. Vi ne nepre bezonas enpagi ĝin, sed vi ricevos, se vi enpagis, rentumon de 12% en formo de libere elektata

libro el la eldonaĵoj de L. M. (por sumoj sub 100 p.) kaj rentumon de 10% por tiuj super 100 p.

Estas la afero de la s-anoj subteni la entreprenon de ĉi tiuj malegoistaj, kuraĝaj s-anoj ankaŭ per abono de la revuo, kiu estos por ĉiu abonanto vera juvelo. Posedu ĝin ĉiu grupo kaj ankaŭ almenaŭ tiuj s-anoj, kiuj laŭ siaj monrimedoj povas ĝin aboni. La prezo por tia, komence 16 paĝa, inkvarta, monata revuo estas vere malalta: 14 pengoj.

Skribu pri garantio kaj abono al Wilhelm Bleier, Budapest, IX. Boráros-tér 6, IV. 11.

## Ĉe-Instituto de Esperanto.

La 24 de majo okazis en Haag la publika inaŭguro de Ĉe-Instituto de Esperanto en ĉeesto de altranga ne-esperantista publiko kaj la gazetaro.

S-ino Julia Isbrücker, la energia gvidantino de la Centra Oficejo de Ĉe-Instituto, klarigis la celojn de la Instituto: laŭ vasta tutmonda skalo disvastigi E.-on per Ĉe-metodaj kursoj kaj eduki por tiu celo la necesajn instruistojn; oni ne kreis iun esence novan entreprenon, sed nur centran oficejon por reguligi la jam faratajn laborojn.

Oni rajtas supozi, ke la fondo de Ĉe-Instituto signifos, ke post la periodo de la nuridealista propagando per tre ofte nur diletantoj nun venos sistemo de racia laboro de spertaj kaj celkonscie edukotaj profesiaj propagandistoj kaj instruistoj. Ni esperu, ke Ĉe-Instituto estu fonto de nova vigla kaj viviga energio.

Tial la tutmonda esp.-istaro donu al la instituto ĉian subtenon per aliĝo kiel

a) Fondantaj Membroj (pagante unufoje por ĉiam minimume 200 Dolarojn),

b) Subtenaj Membroj (unufoje 40 Dol. aŭ ĉiujare 4 Dol.)

c) Aktivaj Membroj, kiuj per agado laboras por la celoj de la Instituto. Ili estos invitataj de la Direkcio kaj ne pagos kotizon, sed nur enskriban sumon de 2 Dol.

Per kunhelpo de la tutmonda s-anaro la Instituto faros fruktodonan kaj efikan laboron. Kunhelpu!

Adreso: Julia Isbrücker, Oostduinlaan 32, Haag, Nederlando.

## Novaj Zamenhof-stratoj.

**Dresden**
**Linz an der Donau.**

### Aŭstria Ligohimno en E.

„Das Kleine Volksblatt" en februaro aranĝis konkurson por la plej bona traduko de nia aŭstria Ligohimno.

La premion de „Das Kleine Volksblatt" (100 S en oro) ricevis prof. d-ro H. Ellinger; de Walter Smital (libron laŭ elekto) s-ino Christine Siedl; de librovendejo F. Scheibl, Wien IX. (3 libroj en valoro po 10 S) d-ro K. Friedl-Graz, s-ino Helene Ellinger-Wien kaj instr. A. Drössler-Wien; de prof. d-ro Christanell (po 10 S) f-ino Poldi Tiefenbacher kaj dir. Hans Schiebl-Wien.

Ni gratulas al la premiitoj kaj al „Das Kleine Volksblatt", kiu per sia favoro al E. gajnis multajn novajn amikojn!

## Porinstruista propagando.

Katholische Schulblätter, la oficiala organo de la kristan-socia instruistaro en Oberösterreich ĉijare regule aperigas depost januaro longajn priesperantajn artikolojn, nome: „Der gegenwärtige Stand der Esp.-Bewegung" (Jungschaffer-Ried), „E. und Schule" (W. Hahn, Gohlis b. Dresden), „E.-Rundschau" (Jungschaffer), „E. als sprachliches Problem I. II." (aus Dr. Trögels „E. und Kultur"), „Der IX. E.-Kongreß in Linz" (LKK-Linz). En kelkaj daŭrigoj aperos aktuala dialogo kontraŭ kaj por E. (Jungschaffer). La legantaro-instruistaro ekinteresiĝas por E.

Publike ni danku al la redaktoro, distrikta lernejinspektoro H. Nöbauer, Linz, Makartstr. 9 pro lia favoro al E. Lia sintenado estas imitinda ekzemplo por la redaktoroj de aliaj porinstruistaj gazetoj!

### Skolta tendaro.

Okaze de Katolika Jubileojaro de Sankta Emeriko ĉijare bivakos en Hungarujo tri skoltaj tendaroj. Skoltoj ne pli aĝaj ol 17-jaraj anoncu sin al 327 sz. Loyolai szt. Ignac cserkeszapat, Horánsky-u 20 sz. en Budapest. En ĉiu tendaro estos esp.-istaj skoltoj.

---

**AE 8/9 aperos 15. septembro.**

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Malfermita** labortage de 9-12, 15-18 h, sabate 9-12 h.

**Pro ferioj fermita:** 20. aŭgusto — 5. septembro.

Pli ol 100 gazetoj je dispono de la legantoj.

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Novaj membroj:**

**Por la germanoj en Ĉeĥoslovakujo:**

D-ro Adolf Bischitzky, Prag.

**Japanujo:**

Joŝi H. Iŝiguro, dir. de „Instituto por Lingvo Internacia“ kaj „Japana E.-Asocio“, Tokio.

## Dumviva membreco:

**Je pago de 15 Ŝ.** unuopoloj fariĝos **dumvivaj** membroj; grupoj — membroj por 10 jaroj. Por ĉi tiu kotizo la membroj ricevos membrokarton, almenaŭ du fotografaĵojn de nia nova hejmo kaj ĉiujare la oficiale aperontajn gvidfoliojn de Aŭstrio, Wien ktp. Krome en 1931 ni pubilkigos broŝurforme la liston de ĉiuj membroj kun adresoj; ĉiujare aperos „aldonoj“.

**Dumvivaj membroj de IEMW:** 1. D-ro Sepp Holzner-Wien; 2. Steinböck, policisto, Wien; 3. N. J. Lecaldano-Wellington, New-Zealand, Aŭstralio; 4. dir. Karl Wannek, prez. de A. E. A., Linz; 5. prof. W. Köppen-Graz; 6. prof. d-ro Christanell, Parsch-Salzburg; 7. s-ino Weleminsky, Prag; 8. Otto Hub, maŝinkonstrukciisto, Gablonz, Ĉ. S. R. 9. fakinstr. Dittrich-Wien; 10. eld. Nikolaus Hovorka-Wien; 11. Dr. M. Altrichter—Korneuburg; 12. prof. d-ro Hohenwarter-Klagenfurt; 13. instr. Brenek-Stein a. D.; 14. Fr. Stanke-Krems a. D.

**Grupoj kiel membroj por 10 jaroj:** 1. Unua E.-Unuiĝo en Wien; 2. E.-grupo-Krems.

**Aliĝu ankaŭ vi!** Steiner, prez

## 22. Univ. Kongreso de E.

Oxford, 2.-9. aŭg. 1930.

**Ankoraŭ estas tempo aliĝi; sed rapidu!**

**Adreso:** 142 High Holborn, London, W. C. 1.
**Kongresejo:** La Urbdomo de Oxford.
**Kotizo:** 30 anglaj ŝilingoj.
**Aliĝis** jam pli ol 700 el 26 landoj.
Aŭstrion reprezentos prez. de AEA. dir. Wannek.

**Instruista Fakkunsido dum la Internacia Kongreso en Oxford, marde, la 5-an de aŭgusto, posttagmeze, 14.30.**

**Tagordo:**

1. Salutvortoj de la prezidanto.
2. Raporto pri TAGE. (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) kaj IPR. (Internacia Pedagogia Revuo).
3. Konfirmo de la elekto de nova prezidanto.
4. Raporto pri IALA. (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.), New York kaj „Kunlaborado“ kun IALA.
5. Parolado de prof. d-ro W. Collinson-Liverpool pri „Ligo de Nacioj kaj Lernejo“.
6. Diskuto de la parolado.
7. Proponoj.
8. Diversaĵoj.

**Philips „Wayabout“ Maps.** George Philip & Son Ltd., 32 Fleet Str., London, eldonis belan mapon pri Oxford en angla lingvo. Ĝi certe multe utilos al la vizitantoj de nia XXII-a. Prezo angla Ŝ. 1/3.

## XV-a Int. Katolika E.-Kongreso.

Budapest, 16.—21. aŭg. 1930.

**Kongreskotizo:** 9 pengoj.
**Programo** laŭ paĝo 65.
**Adreso:** LKK Budapest, Postafiók 203.
**Favoraĵoj:** 50% rabato sur la Hungaraj Reĝaj Ŝtatfervojoj kaj Donau-Dampfschifffahrtsgesellschaft; eniru sen vizo Hungarujon, sed necesas dum la unuaj 48 horoj post alveno prezenti en la pasportoficejo la vizokuponon de la legitimilo por pagi nur trionon de la kutima vizimposto.

Aliĝu kaj petu informojn!

## X-a SAT-Kongreso.

London, 3.—7. aŭg. 1930.

**Kongresejo:** Goodwaj Hall, Red Lion Square, Holborn, London WC 1.
**Aliĝis** jam pli ol 400 personoj.

## XV-a Itala E.-Kongreso-Como.

27. 8. 1930—2. 9. 1930

Estas aranĝataj du karavanoj al la XV-a Itala; pri tiu por la partoprenontoj el nordo kaj okcidento ni raportis detale sur paĝo 29; la dua (orienta) alvenos la 29. 8. en Milano. Kunveno en la stacidomo je la 9 h. La aranĝoj ĝis la 2. 9. estos komunaj kun la unua karavano. La 2. 9. sekvos matenmanĝo en Como kaj revojaĝo al la landlimo tra Milano, Venezia. Kotizo: 380 it. Liroj; entenataj estas ĉiuj loĝkostoj, manĝoj, vojaĝoj diritaj en la programo (pĝ. 29), trinkmonoj, impostoj kaj transporto de pakaĵoj; aliĝo al la Kongreso kun legitimilo por rabato (30%) da la landlimo al Como kaj returnen; luksa gvidlibro de la regiono. La rabatita bileto rajtigas al po dufoja haltado dum la vojaĝo al Milann kaj returnen; aĉetebla en la landlima fervojstacio. Aliĝantoj sendu 50 Lirojn kiel antaŭpagon al s-ro Aleviano Bisetti, ĉe Esperanto, Casella Postale 166, Torino.

Informojn donas Federazione Esperantista Italiana, Casella Postale 166, Torino.

**XXV-a Skota E.-Kongreso** okazos en Dundee, 5.—7. sept.

# Brila Aŭstria Esperanto-Kongreso.

Belaj tagoj pasis. La unuan fojon ĉefurbo Linz vidis tian kongreson; la unuan fojon oficialaj rondoj, lokaj eminentuloj publike montris en Linz sian favoron al nia movado. Monatojn LKK senlace zorgis por bona preparo de nia nunjara aŭstria E.-festo kaj povas esti kontenta pri la vere ĉiuflanka sukceso. La partoprenintoj ĉiam memoros la belajn tagojn en Linz, kie ili ne nur serioze kaj kun plezuro laboris en la koncernaj laborkunsidoj, sed ankaŭ ĝuis vere neforgeseblajn horojn en la societo de niaj amikoj en Supra Aŭstrio! Ili ĉiuj dankas al LKK!

Vendrede, la 27. junio, s-ano Bräuer senlace akceptas la gastojn en la akceptejo, en la stacidomo, signita per E.-flagetoj; vespere en la klubejo de Supra Aŭstria E.-Societo., gastejo Stadtgut, interkonatiĝa vespero. Orkestreto de s-ano Kugler prezentas en la plenplena salonego aŭstrian muzikon: marŝojn de Schrammel, valsojn de Strauß, operedojn de Lehar . . Subite la muziko silentas kaj ĉarma danceto de 12 knabinoj, aranĝita de s-anino Cipera, komenciĝas: „Kara amatin', ĉu vi amas min . . . ? (prenzentita ankaŭ dum la Kongreso en Dresden!) Kelkfoje la infanoj devis ripeti la danceton; sekvis malgranda monkoleto por la infanoj. Tre malfrue oni iris hejmen.

Sabate je bela vetero okazis gvidadoj tra la urbo; posttagmeze la unua laborkunsido en Kaufmännisches Vereinshaus, kie oni elpendigis kiel bonvensaluton la aŭstrian flagon kaj grandaj afiŝoj anoncis „IX. Aŭstria Esperanto-Kongreso". Post fino de la kunsido regimenta muzikorkestro prezentis sur la ĉefplaco (je la 5 h) je honoro de la gastoj dum unu horo belajn muzikaĵojn, dume proksime de la hotelo flirtis la Esperanto-flago. Dankon al brigadestro generalo Englisch-Popparich pro la senpage disponigo de la orkestro. Multnombra estis la aŭskultantaro. Subite bruo en la aero; ĉiu rigardas ĉielen; Aviadilo, sur kies portflugiloj en grandaj literoj estas pentrita „Esperanto", aperas. Tute malalte ĝi flugas, laŭŝajne nur kelkajn metrojn super la tegmentoj, malaperas, revenas, faras elegantajn rondojn cirkaŭ la placo. Entuziasme la homamaso salutas per manoj kaj tukoj la aviadiston Vess Wannek, la fraton de LKK-prezidanto dir. Wannek, kaj dankas per tio al la bravega aviadisto pro ,lia propagando por E. La unuan fojon en la E.-historio ĉi tiu moderna trafikilo propagandas por Esperanto! Ni ĝoju, ke tio okazis en Aŭstrio, kaj la Linz-anoj, ke ilia urbo estis la scenejo!

Je la 8 h solena malfermo de IX-a en Redoutensaal. De la konstruaĵo flirtas nia flago. La salonego estas belega kaj ornamita per plantoj. Kantsocieto de fervojistoj prezentas saluthoron. Prez. de AEA. reg. kons. Steiner malfermas. Prez. de LKK dir. Wannek raportas pri la farita laboro kaj oficiale dankas al ĉiuj, kiuj helpis sukcesigi la kongreson. Steiner dankas lin kaj la komitaton kaj proponas jenan estraron Prez. dir. Wannek-Linz, Vicprez. d-ro Sós-Wien, univ. prof. d-ro Köppen-Graz, prof. d-ro Christanell-Salzburg; sekr. Ulbrich-Linz, kaj prof. Paar - Wels. Akceptita. Prez. Wannek ekprezidas kaj salutas landestron d-ron Schlegel, vicurbestron Kraft (anstataŭante urbestron Gruber), ĉeĥoslovakan konsulon d-ron Duschek, prez. de financa landa direkcio d-ron Duftschmid, polican dir. kort. kons. d-ron Scholz, landan ĝendarmerian dir. Vogelhuber, prez. de komerca ĉambro kort. kons. inĝ. Heissler, kolonelon Zehner (anstataŭante generalon Englisch-Popparich) lernejinspekt. reg. kons. Molterer kaj Kaun, vicprez. d-ron Schreiber (anstataŭ poŝtprez. Almoslechner) ktp. Alvenis aro da salut-kaj senkulpigleteroj, inter ili de la protektoro ministro d-ro Slama. Landestro d-ro Schlegel salutas la partoprenantojn kaj opinias, ke E. eĉ pro la sola kaŭzo, ke ĝi ne malaperis dum la milito, provis sian ekzistadrajton: la celo, plifaciligi la internaciajn rilatojn, estas tre salutinda kaj necesa. Miskomprenoj, okazantaj pro la diverseco de lingvoj povas havi malbonajn sekvojn kaj ju pli la lingva trafiko estos faciligita, despli facile oni povus eviti tiajn miskomprenojn. Tio estas necesa, se ni volas ekzisti, kaj estos valora ne nur por nia lando sed por tuta Eŭropo. Li deziras al tiaj klopodoj plenan sukceson ankaŭ pro tio, ĉar „vi helpas per tio akceli la reciprokan komprenon inter la diversaj popoloj. Mi deziras, ke la E.-movado helpos atingi pli feliĉan estonton de tuta Eŭropo!" Riĉa aplaŭdo sekvis ĉi tiujn impresigajn vortojn.

Vicurbestro Kraft, anstataŭante la urbestron de Linz s-ron Gruber, kiu estis vojaĝanta al la Rejno-liberiĝfestoj, salutas la kongresanojn en la muroj de la urbo kaj dankas, ke oni elektis Linz kiel kongresurbon. Li tute konsentas la vortojn de la antaŭparolinto kaj aldonas, ke per konscia kaj neŭtrala kunlaboro ĉiuj malfacilaĵoj estu venkotaj. Li deziras, ke post farita laboro oni ne forgesu ankaŭ rigardi la belaĵojn de Linz kaj esperas, ke oni memoru ankaŭ pli poste la urbon Linz. Multe aplaŭdite li finas sian paroladon. Sekvas salutvortoj de prof. Mogan por la germanaj kaj de Pytloun por la ĉeĥaj esp.-istoj en Ĉeĥoslovakujo.

AEA-prez. Steiner en koncizaj vortoj parolis pri „Oesterreichs Stellung in der Welthilfssprachenbewegung". Liaj vortoj trovis grandan intereson ĉe la neesperantista publiko kaj la reprezentantoj de la gazetaro.

La solenon finis la deklamado de poemo, verkita de s-anino Käthe Haselbauer, Braunau a. I., en E. kaj en germana lingvo, kiun taskon la lernantoj de s-anino Cipera, la

knabinoj Maria Focke kaj Margarethe Gänz bonege solvis.

Jen la teksto:

**Al la Naŭa Kongreso!**

Hodiaŭ frate ni kunestas
Kongreson naŭan ĝoje festas
El granda familia rondo
Saluton sendas tra la mondo.

En nia koro brulas flamo
De monda paco kaj homamo.
Sed estus vere bona faro
De la aŭstria registaro
Se ankaŭ iĝus la infanoj
Plejeble baldaŭ mondlingvanoj.

Antaŭ la fermo de l'kongreso
Por Esperanto — finsukceso
Petegus ni en kongresejo
Pri enkonduko en lernejo!

Lernado estus eta peno
Sed poste la plej alta beno!
Plenumon en senkvonta jaro
Esperas tuta lernantaro!

**An unseren Neunten!**

Fröhlich lasst uns heute feiern
Den Kongress in unserm Land,
Lasst als Brüder uns nun gehen
Mit einander Hand in Hand.

Lasst uns mutig aufwärtsstreben,
Dass wir bald am Ziele sind,
Fest und treu zusammenhalten,
Da wir Gleichgesinnte sind!

Als des heutgen Tages Krone
Nah' ich mit der Bitte noch:
Gebt den Kindern Esperanto
Baldigst in den Schulen doch!

Freudig würden wir es lernen,
Vorwärtsschreiten Jahr' um Jahr'
Auf Erfüllung dieser Bitte
Hofft die ganze Kinderschar!

*

Dankon elkoran mi diras al ĉiuj miaj kunlaborantoj, kiuj kunhelpis prepari nian Naŭan.

Dankon ne nur mian meritas s-ro Honorprezidanto reg. kons. Steiner por siaj valoraj konsiloj, f-inoj Cipera kaj Haselbauer, s-roj, Ulbrich, insp. Meisleder, ĉefinsp. Neuhofer, Braeuer, Ecker, Fantersit, Mraz, Kriechbaumer; plue ĉiuj s-anoj, kiuj varbis por la kongreso kaj per tio certigis sukceson, evitante deficiton.

Per harmonia kunlaboro de la Supra Aŭstriaj s-anoj la kongreso fariĝis inda manifestacio, kiu multe plaĉis ankaŭ al neesperantistoj. Karl Wannek, prez. de LKK.

## Tutmonda Kolektanto.

Organo por filatelio kaj interŝanĝado de objektoj.

Specimenan numeron sendas senpage:

A. Prazák, Jabloné n. O., Ĉeĥoslovakujo!

## 19-a Germana E.-Kongreso, Dresden.

Antaŭ la stacidomo granda afiŝo bonvenigis la pli ol 600 partoprenintojn. En la akceptejo, filio de banko Arnhold, ni ricevis la kongresaĵojn kaj la belan kongresinsignon el Meissen-a porcelano.

Vendrede vespere senĝena kunesto en la Dresden-a grupejo (Kasino Gebr. Arnhold); sabaton gvidado tra la Intern. Higiena Ekspozicio, pttgm. ĉefkunveno de E.-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj. Sekvis salutvespero kun dancprezentadoj.

Dimanĉon matene oni vizitis la tombon de Marie Hankel, kie prez. de GEA. Behrendt diris profunde sentitajn vortojn pri la meritplena pionirino kaj metis florkronon sur la tombon.

La solena malfermo de la kongreso okazis en la ĉefa salonego de Germana Higiena Muzeo en ĉeesto de multaj reprezentantoj de registaroj, (por Aŭstrio ĝeneralkonsulo Eiselt), estraroj ktp. F-ino E Reicher, Berlin, la fratino de Dresden-a Ifigenio de 1908, recitis el Ifigenio. Sekvis salutvortoj de la oficialuloj (por Aŭstrio ĝen kons. Eiselt) kaj de la reprezentantoj de la diversaj landoj (por IEMW kaj AEA parolis Steiner). En kutime brila maniero prez. de GEA. Behrendt faris la festparoladon „Kun vorto kaj bildo en la mondon!“, kiun radio-stacio Mirag disaŭdigis. Riĉa aplaŭdo sekvis.

Post komuna fotografado sekvis komuna manĝado kaj poste promeno al la aleo de la 100 fontanoj, kie ĝuste je tiu horo la sonorilaro sur la domo de „Dresdner Anzeiger“, farita el Meissen-a porcelano, ludis la „Esperon“.

Unua laborkunsido de GEA: Dediĉo de Honora Stelo al konsulo von Frenckell-Dresden kaj lernejestro Hahn-Gohlis; unuvoĉa elekto de s-ro Habellok kiel negocgvidanton anstataŭ la eksiĝinta s-ro Schwarz.

Lunde: Kunveno de UEA en ĉeesto de dir. Hans Jakob; ĝardenfesto en Lingnerschloß, kien ni veturis per grandaj aŭtomobiloj, rigardante belan Dresden kaj la ĉarman ĉirkaŭaĵon kun kastelo Pillnitz. Ĉefa allogaĵo estis la prezentado de „Bastien kaj Bastienne“, opero de Mozart en bonega E.-traduko de Bennemann-Leipzig. La operkantistoj Cläre Körner, Paul Seidner kaj Fritz Römer, bonege kantis, ludis kaj elparolis nian lingvon; prof. Kluge, kiu gvidis la studadon de la verketo, akompanis ĉe la fortepiano. Grandega sukceso!

Sekvis prezentadoj de lernejanoj el Olomouc, Gohlis, Weinböhla kaj Grossenhain, kiuj vekis grandan intereson kaj aplaŭdon.

La kongreso finiĝis kaj ni danku al LKK pro la belegaj tagoj, kiujn ili nin travivigis en Dresden! Steiner.

### Gratulon al

s-ro **Friedrich Ellersiek**, L. K., verkisto kaj eldonisto, en Berlin okaze de lia 50. naskiĝtago.

s-ro **P. Nylen**, L. K., Stockholm, unu el niaj plej malnovaj pioniroj, al lia 60. naskiĝtago.

### Morto.

Post longa doloriga malsano mortis en Genève la 19. VI. s-ino **Maria-Johanna Jakob-Notz**, edzino de dir. de UEA, Hans Jakob.

Nian elkoran kondolencon al nia amiko Hans Jakob kaj lia filineto.

### Bert Klatil.

La ĝisnuna redaktoro de La Socialisto, Bert Klatil, foriris al Amsterdam, Vondelstraat 61, kie li fariĝis oficisto de I. T. F. ALLE perdas en li ne nur sian ĉefredaktoron, sed ankaŭ sukcesintan kursgvidanton, helpanton kaj senlacan kunlaboranton. Kun li foriris lia konstanta sekretariino — lia edzino.

Ni tutkore deziras al ili feliĉon en ilia nova okupkampo.

### Movado por sentabaka kulturo.

**„Verda Kruco"**, laborkomunumo por sentabaka kulturo, Wien, I., Judenplatz 8/1 eldonis E.-lingvajn glumarkojn, kies enhavon ni citas, mont ante tiel la programon de Verda Kruco. La prezo 10 gr. por la kolekto.

Liberigi nian junularon de nikotinveneno celas: Verda Kruco.

Tabako malutilas al la homaro. Pro tio estu nia devizo: For la tabakon.

Defendu vian rajton je pura aero! Protestu kontraŭ malpermesata fumado, precipe en fervojo!

La cigaredo estas vere gimnastikaparato por ekzercado de malenergio.
Prof. d-ro Hamburger.

Gardu nian junularon de la tabakepidemio! Kunhelpu konservi la junularon sentabaka!

Apliku E.-on per internacia interrilato de personoj kaj ligoj, kiuj volas kunlabori por venko de fumadsklaveco!

Kreu la necesan klerigon pri turmento de tabakfumado! Disvastigu la idealon de sentabaka kulturo!

Shakespeare, Goethe, Molière, Lessing, Victor Hugo, Nietzsche, Björnson, Tolstoj estis tabakkontraŭuloj!

Tabako detruas la korpon, atakas la inteligentecon kaj stultigas la naciojn. Balzac.

Por nia junularo la cigaredo estas kvazaŭ terura tentanto. D-ro R. Hofstaetter.

Tabako preparas la vojon por tuberkulozo.

Demandi min pri fumado, signifas ofendi min. Kiel vi povas kulpigi min je tia malpura kutimo sen pruvo . . . Bernard Shaw.

## Libertempo.

Skizo de Alexander Taussig.

Stranga io estas la homa sentvivo! Je certaj tempoj enŝteliras en nian koron sopirado, iu dezirego ne difinebla ekposedas nin, iu forta, potenca inklino regadas nin. — Kvazaŭ loga vokado eĥas en niaj oreloj: „Venu!" Karesa voko memoriganta la patrinan voĉon, resorĉanta nian junecon, la feliĉegon de la juneco! Kaj efektive, patrino vokas nin: la patrino naturo! Kun etenditaj brakoj ĝi atendas siajn gefilojn kaj ornamas sin per ĉiuj altvalorajoj de sia trezorejo!

Ĝi igas brili por ni la sunon, igas odori la florojn, igas kanti la birdojn. Ĉiu spiro de ĝia koro apartenas al siaj amataj gefiloj.

„Venu al mi, ripozu ĉe mia brusto, mi rakontos al vi miajn plej belajn fabelojn, forgesu almenaŭ kelke da tempo la batalon por la ĉiutaga pano, lasu la zorgojn vin konsumantajn, refreŝiĝu en la verdaj, malvarmetaj arbaroj, kuŝigu vin sur la herbejojn kaj aŭskultu la voĉon de la naturo, rigardu la agadon kaj teksadon de la insektaro fluganta, rampanta! Ĝoju kaj ĝuu! Kaj ni obeas la logan vokon, pakas nian dorsan saketon eble ankaŭ nian valizon kaj migras for el la polvoplena grandurbo, iuj piede aliaj per la fervojo aŭ al iu vilaĝeto aŭ al konata banloko aŭ al la bordo de maro, ĉiu laŭ la enhavo de sia monujo.

Do, ni estas for de la hejma fajrujo, pasigas kelkajn tagojn aŭ semajnojn malproksime de nia kutima okupo, ni sentas nin liberaj, liberaj de la profesiaj malagrablaĵoj, de la profesiaj malfacilajoj: „Homo mi estas ĉi tie, kaj rajtas esti tiu!" Jen, tio estas la refreŝigilo; la fremda aŭ pli bone dirite, la medio nekutima nin ĝojigas.

Ne la arbaro, kampo, lago k. t. p. estas la stimula potenco, sed la anima trankvileco, la forigo de la metropolaj katenoj, la forgeso efemera de la materiaj aŭ psikaj zorgoj, tio feliĉigas nin okaze de nia libertempo kaj ankaŭ post nia reveno en nian hejmon ni

plenĝuas la memoron al la travivitaj belaj tagoj! —

## Por niaj infanoj!

red. Christine Siedl

**Solvo** de „Fabela enigmo“ el n-ro 6 „Esperanto — Esperantujo“.

### Karaj gefratoj!

Albin Neuzil—Olomouc.

Pardonu, ke mi venis inter vin. Ĉu vi konas min? Ho, vi ridetas! Mi min prezentos al vi. Mi estas nova penso, kiu venis en la mondon. Super mia lulilo brilis verda stelo. Mia nobla patro gvidis min tra paradizaj verdaj ĝardenoj kaj herbetoj, kie mi trinkadis kristalan veron de l' roso; belegaj, aromaj floroj instruis min pri belo; dolĉaj najtingaloj kantis al mi pri dia amo; la ora suno kaj pala luno rakontis al mi pri la vivo eterna kaj paco. Tiel mi kreskis. Mia koro estis plen-plena de l' amo, belo, bono, vero kaj paco. Nun mia nobla patro kondukis min inter la homoj. Ho, kiom mi ĝojis vivi inter la plej perfektaj estaĵoj. Sed ho ve! Multaj mokis kaj insultis min, multaj batalis kontraŭ mi malforta infano. Nur malgranda areto de idealaj koroj akceptis min kun amo kaj zorgis pri mi. Mi kreskis kaj kredis, ke la homaro venos ĉerpi veron, amon kaj pacon el mia koro, sed la homaro ne venis — sed male — komencis teruran militon. Sangis mia koro, mortis la nobla koro de mia bona patro. La milito ruinigis la mondon. Kaj nun? La homaro ekkonis sian eraron. Amase alvenas fratoj. Ĉiuj kvietigas sian soifon - ĉiuj trinkas puran veron, dian amon kaj belon, eternan pacon el mia koro. Venu ankaŭ, Vi, karaj gefratoj, kaj la mondo fariĝos vera dia paradizo. Bonvenon al vi ĉiuj! Recitis: Jindriŝka Smolanova.

### Enigmo.

Mi havas altan rangon,
Sed karnon nek, nek sangon.
Ŝtonkora por ĉiam mi restas,
Kaj tamen piulo mi estas.

Onklino K.

## Gravaĵoj.

**„Hispana Esperanto“.** Nova adreso: Julio Mangada Rosenörn, Jaca, provinco Huesca.

El **Biblioteko „Nova Kulturo“**-Burgas, Bulgarujo, **„La alta idealo“** estis tradukata en germanan lingvon „Das hohe Ideal“ kaj **„La granda leĝo“** en la anglan „The great law“. Prezo po sv. fr. —.50.

**Radio-Leningrad.** Ĉiun 8. 18. 28. en la monato E.-disaŭdigoj. Ondolongo 1000 m. Pri aŭskulteblo raportu al Modesto Urban, nl. Lavrova 43, kv. 3, Leningrad, USSR.

**„Princlando Liĥtenstejno“**, nova gvidfolio, eld. de l' Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno kaj sub la aŭspicioj de l' Turisma Servo de UEA. La gvidfolio, 4 paĝa, donas kun siaj 3 belaj bildoj bonan informon pri malmultekosta restado en ĉi tiu bela landeto. Traduko de R. Kreutz, L.K., ĝen.-sekr. de ICK.; pro tio bonega. Mendu senpage ĉe Liechtensteinischer Verkehrsverein, Vaduz.

**„Universitato de Grenoble, Francujo“**, Elektroteknika Instituto per bela E.-flugfolio ilustrita informas pri la studeblecoj ĉe la Instituto kaj invitas al studado en Grenoble. Informojn donas la Direkt. de Politeknika Instituto, 46 ave. Félix-Viallet, Grenoble.

La redakcio de **„La Socialisto“** transloĝiĝis al Wien, XXI., Angererstr. 14, Arbeiterheim, kien ĉiuj korespondaĵoj estu sendotaj.

La nova adreso de **„Laborista E.-Asocio por la germanlingvaj regionoj“** estas Berlin C 25, Dircksenstr. 42 kaj de la redakcio de **„Arbeiter-Esperantist“** Leipzig C 1, Ebermayerstr. 8.

**BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj 1930/31,** 9. eldono, aŭtune aperos. Simpla aliĝo sv. fr. —.50, kun adresaro 1.— kaj kun portreto 1.50. Skribu tuj al BES, Potŝtejn, Ĉ. S. R.

**1. Konferenco de laboristoj-esperantistoj** de Svislando okazis je Paskoj en Zürich.

**Internacia Kongreso de Fervojistaj Esperantistoj** la 21.-24. junio 1930 en Hirschberg im Riesengebirge, Germanujo. Kongresprogramo 12 paĝa.

**„La bela Silezio“** eldon. de Schlesischer Verkehrsverband sub aŭspicioj de Turisma Servo de UEA. oktava 4 paĝa gvidfolio kun 5 bildoj.

**Brescia:** 6. junio la prez. de E.-grupo prof. G. Facchi disdonis diplomojn kaj premiojn al la ekzamenitaj lernantoj de 3 kursoj en la reĝa lernejo „Istituto Magistrale“, kies direktoro kuraĝigis la lernantojn al daŭriga studado de E.

**Como:** En la lernejo „Nazario Saŭro“ okazis en ĉeesto de komunumestrarano E.-ekzamenoj.

**Guastalla:** P. prof. Carolfi gvidas E.-kurson en episkopa seminario.

**Perugia:** Univ. prof. d-ro Catalano faris tre efikan paroladon favore al E.

**Filatelista Adresaro,** dumonata organo de poŝtmark-kolektantoj novaperis. Jarabono (6 num.) S 2.80. Adr.: Jablonné n. Arl., ČSR.

**„Tolero“,**Experimental-Revuo Mondlinguala, Paris, publikigis en sia aprila numero longan artikolon pri Int. E.-Muzeo en Wien kaj alvokis siajn legantojn sendi materialon kaj iĝi membroj.

**Bahaa Esperanto-eldonejo kaj administracio de „La nova tago“** havas la novan adreson: Weinheim (Baden), Friedrich-Vogler-Strasse 4.

**Fluganta skribilo,** la sola gazeto por E.-stenografio, kiu aperis de 1913, malaperis en januaro 1929. Denove ĝi eliras trimonate de 1930. Abono tutjara 2 respondkuponoj. S-ro P. Flageul, 9 Bld. Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Seine).

**„Inter Ni“,** oficiala organo de „Interniaro“, red. adreso: Wilhelmstr. 43, Rheydt, Rheinland.

**„La Etulo“,** monata gazeto por geknaboj. Nova adreso: S-ro Georges Othon, 6, rue de la Smala, Paris-XV.

**„Mondamikeco“,** la oficiala bulteno de la Rotaria E.- Amikaro, aperas de januaro nj. Komunikajojn sendu al sekret. Rotariano Douglas P. Boatman, 22 Westbourne Grove, Westcliff-on-Sea, Anglujo.

**La Militrezistanto,** eldonaĵo de Internacio de Militkontraŭuloj, ĉefoficejo: 11 Abbey Road, Enfield, Middlesex, Anglujo, regule aperas en lingvoj Esperanto, franca, angla kaj germana. (Vegetarano-Hamburg.)

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Atentu la novan adreson de AEA!**

### Nia Naŭa.

Okazis du laborkunsidoj de AEA. Prez. Steiner malfermas la unuan en Vereinshaus la 28. junio kaj post kelkaj salutvortoj raportas — prezidis dume vicprez. d-ro Sós — pri la laboroj en la pasinta jaro kaj pri la kaŭzoj, kial la tuta estraro rezignis kaj ne plu povas akcepti reelekton. Li priskribas la paŝojn faritaj de AEA kaj Paciga Komitato por reunuigi AED kun AEA. sed vane. Jam ŝajnis, ke la laboro estus sukcesanta, la de AED postulataj statutŝanĝoj estis konsentataj; sed en la lasta momento denove malkonsento flanke de AED kaj la deklaro, ke ĝi ne povas kunlabori kun AEA. — Sed malgraŭ tiuj malagrablaj cirkonstancoj ni laboris kaj faris nian eblon. Nia registaro estis oficiale reprezentata dum la XXI-a en Budapest kaj XIX-a germana en Dresden kaj same estos en Oxford: Int. E.-Muzeo nun trovis sian indan lokon en Neue Burg; ekspozicieto estis aranĝata en la ekspozicio ‚Danzig‘ en Wien; salutataj kaj por E. interesigataj estis laŭ peto de la koncernaj landoj prezidanto d-ro Sahm el Danzig kaj ministro grafo Klebelsberg-Budapest. (La raporto kun aplaŭdo estis aŭkultata.) Sekvis kasraporto de malhelpita kasistino f-ino Müllner. Kontrolis ĝin s-anoj Sperling-Wien kaj Mraz-Linz, laŭ kies propono estis donata senŝarĝigo al la kasistino.

Al la punkto „Statutŝanĝoj“ oni konsentis jenajn ŝanĝojn:

§ 1. . . . . Sitz in „einer Stadt Oesterreichs“ . . . . .

§ 6. c) „durch Ausschluss; . . . . durch“ statt „den Vorstand“ neu „die Generalversammlung über Antrag des Vorstandes“, ferner nach „vorherige Verwarnung“ ist einzuschalten „durch den Vorstand“. Zu streichen ist „Berufung an . . . . zulässig“, dafür zu setzen „Durch die Erstellung des Antrages an die Generalversammlung werden die Rechte des Betroffenen zum Ruhen gebracht“.

§ 11. „ . . . . solchen unterstützen“ dann folgt ein Punkt und statt des übrigen Textes „Die Bundesmitteilungen werden vom Vorstande redigiert und gezeichnet.“

La grupoj kaj membroj bonvolu korekti siajn statutekzemplerojn.

En la dua laborkunsido sur Pöstlingberg, la 29. junio okazis la novelektoj laŭ farita propono kaj unuanime: Prez.-dir. Karl Wannek-Linz; vicprez.-prof. d-ro Fr. Christanell-Salzburg kaj insp. M. Meisleder-Linz; afergvidanto Rudolf Ulbrich; sekr. Franz Ecker kaj Fred Lösch; kas. s-ino Eberhardt, ĉiuj en Linz.

Ekpresidas dir. Wannek kaj emociite diras: Ni aŭdis hieraŭ, ke AEA-estraro rezignis kaj ne plu akceptos releekton. Al mi oni proponis la gvidadon de AEA kaj mi malgraŭ multa profesia laboro kaj tia por E. en Linz tamen estas preta akcepti ĉi tiun gravan ŝarĝon, por servi al la E.-movado en Aŭstrio.

Mia unua devo estos restarigi unuecan, unuigitan landan asocion. Sen bona organizo neniu progreso sed disfalo, morto de la movado. La de ni aranĝita kongreso plaĉis al vi; por ni la afero ne estis facila, ĉar aliĝis nur prksm. cent anstataŭ kelkcentoj da s-anoj. Vidiĝas klare, kien marŝas la aŭstria movado, se daŭros la ĝisnuna situacio.

Generalo bezonas armeon por venki la malamikon. Tutlanda organizo kaj ties gvidanto bezonas armeon por konkeri registaron, la publikan opinion ktp. Ĉi tiu armeo estu la geesperantistoj, unuigitaj en forta organizo.

Se la aŭstria esperantistaro deziras progreson, volas, ke oni konsideru ilin kaj ilian movadon seriozaj, iii nepre devas unuece kunagi!

Ges-anoj, en ĉi tiu punkto komencas **via** laboro! Hejmenveturinte bonvolu semi; rakontu, diskonigu miajn vortojn, instigu viajn grupojn, ke ili nepre subtenu nin per efika kunlaboro, por ke la aŭstria E.-movado restu en unua vico de la por E.-batalantaj landoj.

Vi devas helpi al venko! Ju pli granda via nombro, despli grandaj niaj sukcesoj!

Mi dankas por via aplaŭdo kaj mi nun faras al vi proponon, per kiu ni plenumu devon al unu el niaj s-anoj.

Nia meritplena AEA-estro s-ro reg. kons. Steiner demisiis. Multaj kaj valoraj estas la servoj, kiujn li faris por E. Se la tutmonda esp.-istaro respektplene rigardas Aŭstrion, se ni aŭstriaj esp.-istoj mem profitas de ĉi tiu altestimo, ni ŝuldas tion plejparte al s-ano Steiner, al lia kreo de Int. E.-Muzeo en Wien. Se la registaro honorigis s-anon Steiner per eknomigo „Registara konsilanto", ĝi plenplene komprenis, ke starigo de Int. E.-Muzeo en Wien estas ago honoriginda; ke tia ago alportas simpation de multaj homoj el la tuta terglobo al Aŭstrio; ke estis ago patriota!

Mi petas ges-anoj — ni ne postrestu, ni ne estu malpli larĝvidaj, ni ne estu malpli dankaj! Ni forgesu, se s-ano Steiner eble kelkfoje estis iomete diktatora, sed super ĉio brilas la sukceso, granda grava servo!

Pro tio mi petas vin eknomu s-anon Steiner unuanime „Honora prezidanto" de AEA.

Per granda aplaŭdo la propono de prez. Wannek estis akceptata.

Vere kortuŝite Honorprezidanto reg. kons. Steiner dankis pro la honorigo kaj promesis ĉiam esti je dispono de la aŭstria E.-movado, al kiu li dediĉis la lastajn 7 jarojn.

La jarkotizo estis fiksata kiel en la lasta jaro po S 1.— po membro kaj 1.20 por izoluloj.

Venontjare ne okazos landa kongreso (por ankaŭ ebligi al la s-anoj viziti la mondkongreson en Krakow!) sed en la kadro de la Jubileo 10-jara de la E.-grupo Salzburg nia ĝeneralkunveno kun laborkunsidoj! Propono de D-ro Sós prepari statistikon estis akceptata; Steiner aldonas, ke li disponigos la tutan adresmaterialon de AE por ĉi tiu celo; ĉiuj s-anoj sendu liston de al ili konataj esp.-istoj en du ekzempleroj al AEA.

Koncerne Occidental oni nenion entreprenos; plej bone ne skribi eĉ unu linion en la gazetaro. Occidental ne malutilos nian movadon; ĝi nur povas iomete malhelpi ĉe personoj, kiuj nenion scias pri E.

Kun granda atento kaj plezuro la partoprenantoj de la laborkunsidoj kunlaboris. Estis vera ĝojo vidi, ke ĉiuj estis kontentaj kaj tio nin donas la esperon, ke nia movado antaŭenmarŝos!

Ni estas blankaj folioj en la landa organizo. Pro tio nenia kaŭzo, ke iu grupo ne aliĝu nun al AEA.

Ili ĉiuj venu, ni kun granda ĝojo ilin atendas en niaj vicoj!

Cirkulero eliros en la venontaj tagoj!

**Adreso:** Prez. K. Wannek, Linz, Weissenwolfstrasse 31.

K. Wannek, prez. R. Ulbrich, afergvid.

Estas al mi honordevo kaj kordeziro publike danki al miaj ĝisnunaj kunlaborintoj kaj speciele al vicprez. d-ro Sós, nia malnova pioniro, kiu speciale en la afero de „Reunuigo de AED kun AEA" multe klopodis. Ke liaj koncernaj laboroj ne havis la deziritan sukceson certe ne estas lia kulpo.

Steiner, prezidinto kaj Honorprezidanto AEA.

**Melk a. D.:** 22 abiturientoj ricevis notojn pri Esperanto en siaj atestoj.

## Enigmo.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | | 1 | | |
| 7 | 4 | 2 | 8 | 9 |
| 6 | | 3 | | 11 |
| 2 | | 4 | | 6 |
| 4 | | 5 | | 4 |
| 10 | | 2 | | 12 |
| 2 | | 3 | | 7 |
| 3 | 11 | 6 | 2 | 10 |

1 2 3 4 5 2 3 6 Baptonomo de infano de konataj geesp.-istoj,
7 4 2 8 9 ties familia nomo,
7 6 2 4 10 2 3 konata Wien-a esp.-isto,
7 12 4 6 11 9 konata Wien-a esp.-isto,
3 11 6 2 10 partpagoj (en germana lingvo).

Anstataŭu la ciferojn per literoj.

La solvojn oni sendu al s-ino Antonie Listner, Afritz, Kärnten, kiu donacos al la per loto elektota solvinto romanon de Dickens en germana lingvo.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Heroldo de Esperanto, Köln 1929.**

**En Okcidento Nenio Nova,** de Erich Maria Remarque. El germana lingvo tradukita de kvar. Kun portreto de la aŭtoro.

La lasta, ĉiom ampleksanta historio de la mondmilito, malgraŭ granda nombro de jam aperintaj memuaroj kaj publikigitaj diplomataj dokumentoj, ne estas ankoraŭ skribita. Tro giganta kaj tro komplika estas la materialo de tiu historia okazintaĵo, ol ke povus esti priskribitaj jam nun ĉiuj ĝiaj fazoj, kaŭzoj, efikoj kaj konsekvencoj. Ankaŭ la libro de Remarque donas al ni nur unu fazon de tiu terura epizodo de la homara historio. Same kiel mikrobiologo prenas parteton de preparato kaj metas ĝin sub la lenson de mikroskopo por studi la biologion de l' mikro-

kosmo, same Remarque metas antaŭ la okulojn de la leganto kvazaŭ nur mikroskopan bildon de la kvarjara terura kaj pereiga sanga buĉado, nomata mondmilito. Same kiel ni vidas en la mikroskopo nur parton de vivo kaj reciproka batalo de mikroboj, same ni legas en la libro nur pri parto de la giganta interbatalo kaj sin reciproke neniigo de homoj, estantaj ja mem nur mikroboj en rilato al la eternau niverso.

Sed ĉi tiu parto sufiĉas, por akiri imagon pri la teruraĵoj, same kiel pri diversaj eĉ bonhumoraj kaj eĉ sentimentalaj epizodoj en la regiono de tranĉeoj, etapaj hospitaloj kaj libertempaj tagoj dum la militaj jaroj de frontsoldatoj.

Sen iu tendenco, sen malamo al kontraŭuloj, sen glorifikado de sampartianoj estas nur de l' aŭtoro mem spertataj kaj vidataj okazaĵoj, klare kaj kun naturalisma vervo rakontataj tiel interesige, ke ili de komenco ĝis fino streĉas la atenton de la leganto. Pri la enhavo de l' libro, kiun nuntempe jam preskaŭ ĉiu inteligenta homo legis, estas laŭ mia opinio ne necese raporti. „Neniam ĝis nun atingis iu germana lingvo tiel unikan sukceson kiel la verko de Remarque. Dum ses monatoj vendiĝis el la germanlingva eldono pli ol duonmiliono da ekzempleroj." La libro estas tradukita en dudek naciaj lingvoj. Ni tre ĝojas, ke ĝi povis aperi ankaŭ en Esperanto. La tradukon faris kvar spertaj samideanoj, Teo Jung, Jos. Berger, prof. d-ro Hans Ellinger, kaj instruisto W. Hoffmann. La redakcio de Heroldo de Esperanto unuecigis la stilon tiel bone, ke efektive oni ne povas trovi nuancdiferencojn en la perfekta tradukaĵo. La unua eldono lukse presita de nia Heroldo-presejo estas preskaŭ jam elĉerpita. Ĉiu samideano, posedanta eĉ la originalon aŭ nacilingvan tradukon, havigu al si tiun valoran esperantlingvan literaturaĵon. Sós.

**Esperanto Voĉo Jaslo** (Pollando).

**Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto** de Paul Fruictier, reviziita kaj kompletigita de S. Grenkamp-Kornfeld.

En 1903 kaj ree en 1907 jam en tria eldono aperis de nia eminenta franca pioniro Fructier la broŝuro „Esperanta Sintakso" kaj en 1914 „La Esperanta Vortfarado"; du tre instruigaj verketoj, kiuj en la komenca periodo de nia movado multe helpis al pliperfektiĝo en nia lingvo. Ĉi tiuj libretoj jam de longa tempo elĉerpiĝis. Estas do tre ŝatinde, ke nia juna kaj fervora samideano povis iln interkonsente kun la aŭtoro reeldoni en nova, 193 paĝa, grandformata libro, unuiginte en ĝi, laŭbezone ŝanĝinte kaj kompletiginte la materion de ambaŭ nomataj broŝuroj.

Kelkaj novaj ĉapitroj kaj afiksoj estas de G.-K. mem alverkitaj kiel ekz.: fonetiko, interpunkcio, versfarado, end, mis. En aparta „Aldono" troviĝas la plej gravaj raportoj de la direktoro de la Sekcio pri Gramatiko d-ro Lippmann al la Esperantista Akademio.

La libro en ambaŭ partoj sisteme ordigita, riĉa je gramatikaj klarigoj kaj ekzaktaj klarigoj, grandparte el la Fundamento kaj Zamenhof-aj tekstoj, apartenas certe al la plej perfektaj instrulibroj, en kiu efektive ĉio troviĝas, pri kio perfektiĝema esperantisto deziras trovi konsilon kaj indikilon.

La eldonanto meritas sinceran laŭdon kaj dankon pro la diligenta laboro, per kiu li reviziis kaj revivigis la jam siatempe tre ŝatatajn verkojn de d-ro Fructier. La zorge adjustita libro estos valora posedaĵo de ĉiu ĝin aĉetanto. Sós.

**„Pana", Univ. E.-eldonejo-Frankfurt a/M.**

**Heinrich Heine, Elektitaj prozaĵoj.** Traduko de Zanoni. Prezo S 4.32. — Tiu ĉi libro certe estas bonega laŭ elekto de la tekstoj. Tre laŭdindaj estas kelkaj klarigoj rilate vort-ŝercojn kaj aludojn (komp. la notojn sur pĝ. 29, 42, 73). Kelkfoje oni eĉ dezirus pli da ili, ekz. rilate „Edwin" de Immermann (pĝ. 19) aŭ Las Casas, O'Meara kaj Antonmarchi (pĝ. 53). Germana klarigo de la traduko eble estas necesa sur pĝ. 60 „brua vespero"-Polterabend kaj en la noto sur pĝ. 89 „skrapi rapeton" ŝerca laŭvorta traduko de germana „Rübchen schaben". La rimarko de Heine pri rezedoj (pĝ. 49) pli verŝajne aludas la konatan „songobildon" en Libro de Kantoj. Ankaŭ laŭ lingva vidpunkto la traduko certe kontentigas. Mi nur notis kelkajn germanismojn, nome pĝ. 22 „dormebria" anst. „dormemega", pĝ. 23 „funebra" anst. „babilona saliko", 30 „kur" anst. „elektistaprinco" (eble pro vortludo, sed tiukaze klarigota!), 31 „malklara" anst. „malserena vetero". Por „esti certa" sur pĝ. 25 mi preferus „konvinkita". Interesa estas la traduko de „flama krakegaĵo" por „Flammenspektakel" (mi unue supozis por „Knallgas"), ne konsekvenca la alternado de „neniu alia krom" kaj „ol"; laŭ mia opinio oni prefere uzu laŭ latina maniero la unuan esprimon. Tre virtuoze Zanoni tradukas la heksametrojn de Iliado sur pĝ. 19, malpli bone — laŭ ritma vidpunkto — sur pg. 54. Ne malofte okazis preseraroj: pĝ. 26 finanĉina kron', 33 simila „la" anst. „al"; duobla eĉ sur 48 fabelo ed fratoj Grimm, pĝ. 51, kiu (anst. akuzativo pĝ. 52, same: muziko pĝ. 70), Las Cases (anst. Casas) 53, kaj eble (se ne malkorekta formo) terurita pĝ. 81. Ke la aŭtoro ne citas la monologon de Hamlet laŭ Zamenhof (komp. pĝ 17) ŝajnas al mi iomete strangaĵo.

D-ro fil. W. Biehler.

**SAT. Eldona Fako Kooperativa - Leipzig.**

**„Naciismo"**, Studo pri Deveno, Evoluado kaj Sekvoj de E. Lanti, 1930, 124 pĝ., 19×13 cm, prezo Rm. 1.30.

Ĉi tiu ege interesa libro, kvankam ĝi formas per si mem unu tuton, estas nur la unua

parto de trivoluma verko, kies dua parto estos titolita „Internaciismo“ kaj tria „Sennaciismo“.

**Gajaj horoj por Esperantistoj.** Dezirante, ke ĉi tiu libreto per siaj spritaĵoj, anekdotoj, ŝercdemandoj, preseraroj, vortludoj kaj societludoj estu vera gajigilo, sed ankaŭ samtempe bona lernilo kaj instruilo, C. Walter-Berlin verkis ĝin. 52 paĝoj donas al vi sufiĉan okazon por ridi kaj amuzi. Je la fino estas instrukcioj por kursgvidantoj, por apliki la libreton kiel instruilon aŭ ekzercadilon. (En la libreto mankas la „n“, certe neintencitaj preseraroj.) La prezo kun afranko S 1.—; havebla pere de ni.



## Kie oni rekontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) „Pastete“, Sporg. 28, Do(ĵ) 20-23 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum“, Museumstraße. Do (ĵ) 20—22 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gastejo Schwechater Bierhalle, Fr. (v.), 20—22h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18.00 - 20.00 h.
Esp.-Unuiĝo-Wien, I. Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19.30 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-societo „Fideleco“, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.